# Amikeco

Monata gazeto de la
Internacia Esperantista Kolektanto-Klubo,
Sekcio de Migrantaj poŝtkartoj,
Internacia Klubo de Esperantistaj Filatelistoj.
Prezidanto: J o s e f G r o e b e l .
Administrado: Koblenz am Rhein, Eltzerhofstr.5
Poŝtĉekkonto: Köln 37957

Nr-o.12 Decembro 1925 2.jaro.

R E P R E Z E N T A N T O J .

Argentino. Buonos Aires, Belgrano 825, sinjoro Miguel, E. Castaneda.
Britujo. London N.4, 64 St.Thomasroad, sinjoro L. Jenkins.
Bulgarujo. Varna, 12 linia n-o 17, s-ro J.Vasil.
Ĉeĥoslovakio. Aussig a.d.Elbe, Toplitzerstr.26 s-ro Ing. Otto Schwarz.
Finlando. Lohiluoma, s-ro Matti Avinen
Francujo. Wattrelos (Nord), 286 rue de l'Union s-ro Emile Boone,
Hungarujo. Budapest VIII, Madachstr.43/5, s-ro Johano Sturm.
Japanujo. Kioto,Kawaramachi Hirokoji,S.Keiichi
Jugoslavio. Koprivnica,ulica Lenisce,F.Sifkorn
Litovio. Zadavainiai, Daugailiai, s-ro A.Kuosa
Nederlando. Utrecht Weerdzingel WZ56, GHW.Cotê
Persujo. Sultanabad, s-ro R. Taheri.
Polujo. Boryslaw, polujo potok dolny, Dom de Premier, s-ro W. Wrobel.
Portugalujo. Rio Tinto, Logar da Ferraria, s-ro J. Dias Pinheiro.
Rumanujo. Alba-Julia, str. Dorobantilor nr. 19 s-ro Alxandru Fridli.
Svedujo. Göteborg, Sveda Esp. Lab. Förbundet, s-ro Einar Adamson.
Usono. Detroit, Michingan, 5251 St. Clair Ave, s-ro H. Flemming.

KONSTATO, DANKO, PETO.

Nun, dissendante la lastan numeron de tiu-ĉi jaro, rerigardante ni povas konstati, ke g'i estis tre malfacila jaro por nia klubo kaj gazeto. La jaro estis dediĉata al la reorganizado de Amikeco, kiu preskaŭ estus malaperinta. Sed nun kun konfido ni povas rigardi en la estontecon; trankvile ni povas transpaŝi la sojlon de l' nova jaro. Tion ni dankas parte al la oferemo de la nova estraro de nia klubo, parte al la fideleco kaj laboremo de niaj reprezentantoj kaj membroj en la tuta mondo. Kora danko estu al ĉiuj!

La pasinta jaro estis dediĉata al la klopodo venki gravajn krizojn, al la konservado de la klubo; la nova jaro estas rezervata al la pliperfektigo de Amikeco, la pliperfektigo interna kaj ekstera. Senhalte ni klopodos plivalorigi la enhavon de nia gazeto, pliviglig i la rondsendadon de kolektaĵoj. Por servi al niaj membroj kiel eble plej bone, ni danke akceptos ĉiujn kritikojn kaj proponojn, kiuj helpos al ni trovi la g'ustan vojon. Ni petas ĉiujn niajn membrojn seng'ene eldiri tion, kio ŝajnas al ili pliboni gebla en la Amikeco; per tio ili grave helpos al nia klubo, kaj ili mem havos la profiton. Ni petas ankaŭ pri g'ustatempa alsendo de l' kotizo, atentigante samtempe pri la valora helpo, kiun donas tiurilate nia premia arang'o. (v. n-o 11). Trie ni petas ne lacig'i en varbado, sen kiu neniu entrepreno povas daŭre ekzistadi, certe ne nuntempe dum la forta konkuro ĉie! Progreso de Amikeco estas profito por ĉiu unuopa membro!

NI FARAS NIAN DEVON : : FARU VI LA VIAN!

L.F.

*

KION PREZENTAS LA „AMIKECO" AL NIAJ MEMBROJ?

La Amikeco estas la ununura interŝang'- kaj korespondant-klubo, kiu nur uzas la esperantan lingvon. Por la malgranda jarkotizaĵo de unu U. S dolaro la klubo donas al siaj membroj plimulte da profitoj ol iu-ajn alia.

1.] Monate la klubgazeton „Amikeco" kun sekvanta enhavo:

a] Sciigojn de la estraro,

b] diversajn solindaĵojn por kolektantoj kaj korespondantoj,
c] la nigran liston,
d] anoncfakon.

2.] La membroliston kun la deziroj de la individuaj membroj laŭ speciala tabulo.

3.] Premiojn por la v a r b a d o de novaj membroj. [Vidu Amikecon nr.11.]

Ni petas ĉiujn membrojn baldaŭ pagi la membrokotizon por 1926 kaj helpi nin per varbo de novaj membroj porke nia klubo prosperu.

La estraro.

*

LA POŜTHISTORIO DE „THURN KAJ TAXIS".

De J.Groebel.

La nomita poŝto staras je u n u a loko en la germana poŝthistorio. Ĝia fondistoj estis la grafoj de Thurn kaj Taxis. La princo Maximilian I de Bavarujo mandatigis la nomitajn grafojn, aranĝi regulan poŝtinterligon inter la urboj Frankfurt, Eisenach kaj Leipzig.

La unua komenco de la Thurn kaj Taxisa poŝto postdatis de post la reĝ'tempo de la roma imperiestro Friedrich III (1440-1493). Pli grandan disvastigon kaj plibonigitan formon ricevis la poŝto el la malfrua ĉasistsuperma.stro Francisko IV (Franz de Taxis). Tiu-ĉi mandatigita de Maximilian I, fondis letereksped institution inter Belgujo kaj Italujo. Kiel rekompenco fariĝ'is Francisko ĝ'eneralpoŝtma.stro en Hispanujo kaj Nederlando, kaj devis ekspedi senpage la leterojn de la imperiestro, de la imperiestra korteganaro kaj administradoj. Privataj personoj pagis por la ekspedo de la leteroj forsendpagon.

La lastnomita aranĝ'o ne longe daŭris, ĝ'is la imperiestro Matthias ekronis per mandatletero la princon Lamoral de Taxis kiel ĝ'eneralpoŝtmajstron je la 27a de julio 1615. La florado estis baldaŭ finata, ĉar multaj ŝtatoj aranĝ'is proprajn poŝtojn meze je la 17. jarcento, malgraŭ imperiestra malpermeso. Je fino de la 18. jarcento apartenis nur ankoraŭ kelkaj ŝtatoj al la poŝto de Thurn kaj Taxis. [Daŭrigota.]

P R E S F O N D O !

Ĝis nun elsendis poŝtmarkojn por la presfondo:
- S-ro H.J.Kelmser, Tallin,Estonio,[350 pecoj]
- s-ro L.Jenkins, London,Britlando,[120 pecoj]
- s-ro A.Fridli,Alba-Julia,Rumanujo[400 pecoj]

Al la nomitaj membroj multajn dankon.

KIU HELPOS PLU?

*

N I G R A   L I S T O .

La prezidanto de la „Amikeco" forsendis je monato majo po 100 diversajn poŝtmarkojn cele interŝanĝ'on sekve de anoncoj en la „Heroldo de Esperanto" al la subnomitaj gesamideanoj:

S-ro A.Jensen, Jelsegerten 26, en Stavanger, Norvegujo,

s-ino L. van Poppel, Melkweg 8, en Groningen Nederlando,

s-ro St.Hr.Jouĉev, Vojvodova 74, Roustchowk, Bulgarujo,

s-ro J.Morlino en Pretorio-Potenza, Jtalujo.

*

G A Z E T O J.

Amerika Esperantisto, oktobro, 507 Pierce Bldg Copley Square, Boston 17, Mass. Usono.
Hungara Esperantisto,oktobro-novembro,IV Vaczi utca 8, Budapest, Hungarujo,
International Language, oktobro kaj novembro, 17 Hart Street, London W.C.1, Britujo,
La Movado, novembro, 97 rue Saint Lazare,Paris (9e), Francujo.

---



---

Abonprezo: po jaro 1 U.S. Dolaro.
Anoncprezoj: 1 pag'o 4 U.S. Dolaroj, ½ pag'o 2 U.S. Dolaroj, ¼ pag'o 1 U.S. Dolaro. Malgrandaj interŝanĝ'anoncoj ĉiu vorto 5 orpfenigojn.
Fino de la akcepto de la anoncoj po la 20a de monato.

# KRISTNASKO.

Malklare kaj grize mallevig'as la nokto. De supre la preg'ejoturoj resonas feste sonorilega sonorado, kaj festa sonto kaptas la homkorojn. Nur ankoraŭ malmulte da tagoj disigas nin de la jarfino, kaj volonte la homo uzas tiun-ĉi festhoron por rerigardi al la pasinta jaro. Ankaŭ ni volas fari reekvidon en nian unuig'historion.

Je fino de februaro la nuna prezidanto, s-ro Groebel surprenis la administracion de la „Amikeco". Ĉar la eksdirektoro s-ro Jacobi estis tre malzorginta pri la aferoj, la konfido de la membroj estis fortege skuita. Antaŭ ĉio por g'ustatempa aperọ de nia unuig'gazeto oni devis zorgi, kaj por atingi tiun-ĉi celon, presmaŝino kun literoj estis aĉetata. Bedaŭrinde mankis la konvenaj Esperantoliteroj kaj ni estis devigataj per punktoj anstataŭi la supersignojn. Tiu baro boldaŭ dank al amikema Esperantoĵurnalo parte dissaltig'is, kiu senpage sendis al ni supersignajn literojn. Nur la litero „g" kun supersigno mankas al ni ankoraŭ. Dank al la fervora kunlaborado de la tuta estraro nia unuig'-movado denove ekvivis, kaj la gazeto regule kaj precize aperis. Tio nur eblig'is per grandaj personaj oferoj, kiujn volonte suferis la estrarmembroj je intereso de nia unuig'o kaj de la tuta „Esperanto" movado. Nia gazeto perfekte de ni mem estas eldonata: tial estis eblo, ke la gazeto malgraŭ la malrapida eniro de la jarenspezoj tamen regule povis aperi. Bedaŭrinde g'is nun ne ĉiuj membroj pagis sian kotizon, sed tial ni ne povis pligrandigi nian gazeton tiele, kiel ni deziris. Se kelke da preseraroj ekzistis en nia gazeto ni petas niajn membrojn kaj legintojn bonvolu senkulpigi tion. Estas granda g'ojo konstati ke la nigra listo estas malgranda, kio pruvas regulan unuig'vivon.

# NOVJARO.

Jam denove jaro estas irinta en la maron de la eterneco. Komenas la novjaro. Kion g'i alportas? kaj kion ni povas fari por plibonigo de nia unuig'o?

Unue la akiro de novaj plimalgrandaj literoj

per nia gazeto estas planata. Per tio ni ebligas teknike pliperfektigi g'in kaj pligrandigi ties enhavon. La presfondo estas kreita por atingi eble plej baldaŭ por vendado de la senditaj poŝtmarkoj monojn por ke ni povu aĉeti per plibonigo de nia gazeto ankoraŭ mankantajn ilojn Ankaŭ estas tre dezirindo, ke la membroj sciigu siajn dezirojn pri la enhavo de la gazeto al la prezidanto, aŭ kunlaboru per sendaĵo de iu ajn artiklo, plue ke la membroj pli ofte informu siajn apartajn dezirojn en la gazeto. 5 vortoj kostas nur 1 internacian respondkuponon, en Germanujo 25 fenigojn. Tial kolektu poŝtmarkojn kaj fortigu la presfondon.

En kelke da landoj mankas ankoraŭ al mi reprezentantoj, kaj ni petas la membrojn de tiujĉi landoj, anonci sin je tiu ofico.

Ankaŭ aliaj novaj membroj devas esti varbataj. Nia unuig'o estas la sola interŝang'-kaj korespondadklubo, kiu nur korespondas Esperanton; tial ne povas esti malfacile gajni novajn interŝang'-kaj korespondademulojn por la Amikeco. Tial varbu novajn membrojn. Bedaŭrin de g'is nun ni ne havas la necesan monon por fari grandan anoncpropagandon. Tio oblig'os, se la jarkotizaĵo tre baldaŭ alvenos. Ĉiuj membroj kiuj en la membrolisto ne jam estas sciigintaj interŝang'dezirojn estas petataj okaze jarkotiza pago fari tion. Ju pli da interŝangdeziroj, des pli bone sukcesos la unuig'vivado. Post pago de la jarkotizaĵo, ĉiu ricevos belan membrokarton kun verda stelo.

Fine, bonan dankon al ĉiuj, kiuj iel akcelis la Amikecon. Specialan dankon al la reprezentantoj pro sia daŭra laborado. La reprezentantoj, kiuj havas postulon rilate al poŝtsendpago de la forsendo de la gazeto, estas petataj, sciigi g'in la pago estos farata per sendo de internaciaj respondkuponoj.

Ni deziras al ĉiuj membroj kaj amikoj de nia unuig'o

multe da feliĉo en la nova jaro.

Per komuna laboro nia unuig'o kresku kaj floru.

O B S T I N E   A N T A Ŭ E N !

La estaro de la Amikeco:

H. LORENZ, maljuna, H. LORENZ, juna,
LEO FUNKEN, JOHANN BAUM,
JOSEF GROEBEL.

# ? Kiel ?

mi estas certa ne havi perdojn? Sendube vi jam ofte pripensis tiun demandon, ne atinginte iun ajn rezultaton. En tiu-ĉi okazo nur la

# Internacia Esperantista Memhelpo

povas helpi.

La IEM enskribas en siaj nigraj listoj tiajn personojn, kiuj ne akurate aŭ tute ne plenumas siajn devojn, aŭ aliamaniere malutilas al la esperantanaro. Nefidinduloj, ne pagvolemaj membroj, trompuloj ktp. estos nomataj al ĉiuj membroj de IEM, por ke ĉiu gardu sin je tiuj personoj.

La elspezoj por tiu-ĉi bonfaranta arang'o estas tiel malmultekostaj, ke ĉiu sen escepto povas partopreni. La alig'a kotizaĵo estas nur 0,25 U.S.Dolaro kaj ĉiu adreso, nomita per la nigraj listoj 0,01 Dolaro.

Ĉiu membro devas tuj nomi la personojn, kiuj malutilas nin, aŭ kiuj ne faras siajn devojn, al la centro kun mallonga sciigo pri la mal justo cele publikigon. Nur la membroj de IEM ricevos la nigrajn listojn, kiuj estas sekretaj.

Se vi volas ŝirmi vin estonte kontraŭ perdoj, tuj farig'u membro de IEM milfoje g'i rekompensig'os.

Kun Esperanta saluto kaj estimo

Josef G r o e b e l, direktoro.

---

Al sinjoro Josef Groebel, Eltzerhofstr.5,II.
K o b l e n z /Rh. Germanlando.

Mi petas je alig'o kiel membro de IEM kaj sendas samtempe la alig'an kotizon. (Eksterlando 4 int. respondkuponojn, Germanujo 1,00M per poŝtĉekkonto Köln 37957.)

Mi devigas min:

1) nomi tiajn personojn, kiuj malutilas aŭ estas malutilintaj min cele akcepton en la nigra listo,

2) trakti tre intime la nigrajn listojn kaj pagi tuj post akcepto.

Nomo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Adreso . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .